# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 400

Redakto-skipo
Direktado kaj kompostado: Ángel Arquillos López
Revizio: Alejandro Pareja

Retadreso de la bulteno:
bulteno@esperanto.es
*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj
* La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn


**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Bankokonto BBVA: 0182-1252-31-020401-961

Telefono: (34) 914468079 (bv. Lasi mesaĝon en la aŭtomata respondilo)
Poŝtelefono: 638-547-104



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL: M-39811-2012

# Salutvortoj

Komenciĝas la jaro 2013 kaj vi havas en viaj manoj la lastan Boletín pri 2012 plena de interesaj noticoj pri la pasinto kaj la nuntempo.
Dank'al ĉiuj kunlaborantoj mi kapablas prezenti al vi la numeron 400, kaj tiamaniere ni komencos la novan epokon per la numero 401, kiu aperos antaŭ la okazigo de la Zaragoza Kongreso. En ĉi lasta bulteno vi povas legi pri diversaj temoj kiel: la Andaluzia Kongreso, okazinta en decembro, la Iro (15-a kaj 17-a de marto), SAT-Kongreso (julio 28-a ĝis la 4-a de aŭgusto), kaj la HEK okazonta inter la 3-a kaj la 5-a de majo. Kiel oni povas konstati, la jaro 2013 estos plena de interesaj kongresoj kaj renkontiĝoj. Se ni kuraĝas kaj havas tempon, ni profitu ĉiujn por praktikado kaj plibonigado de niaj lingvokonoj kaj konatiĝo kun novaj geesperantistoj.
Boletín estas nia organa informilo kaj kiel informilo ĝi devas enhavi ĉiajn sciigojn pri niaj asocioj en la tuta lando, kaj bedaŭrinde tio ne okazas tre ofte, do, mi vigligas la estraranojn de la diversaj grupoj sendi infomon al mi pri aktivaĵoj, krom bonajn ideojn por ornami la paĝojn per literaturaĵoj, poemoj, tradukaĵoj, ktp, ĉar en ĉiuj revuoj aŭ ĵurnaloj estas agrable trovi tiajn aferojn kaj mi certas ke estas multaj homoj, kiuj verkas kaj tradukas, sed ne kuraĝas montri sian laboron. Konklude, mia celo kiel redaktoro estas ne nur informi pri esperantaj aferoj, sed ankaŭ pri literaturo, kulturo kaj humuro, kompreneble ĉiam verkitaj esperante aŭ tradukitaj en Esperanton.

Agrablan legadon.
La redaktoro

# ENHAVO



Ĉefkovrilo: Miguel Gutiérrez Adúriz eks-akademiano

# Lastminuta novaĵo!

Demisio

Post dek du jaroj de seninterrompa aparteno al la Akademio de Esperanto, Miguel Gutiérrez Adúriz demisis kaj forlasis sian postenon en tiu lingva institucio la pasintan kvaran de februaro. Estas bedaŭrinda afero, ke pli ol kvarcent milionoj da hispanlingvanoj ne plu havas reprezentanton en la Akademio.

**Noto:**
**En Boletín n-ro 399 enŝoviĝis kelkaj nevolaj miskompostaĵoj. Ilin oni jam ĝustigis en la bita versio, elŝutebla ĉe: http://hdl.handle.net/11013/2685**




**INFORMADO PRI 2012**

Dum 2012, *Fundación Esperanto* daŭrigis la projekton "Esperanto en Iberoameriko" per la sendado de libroj cele al disvastigado de Esperanto. Tiu projekto estis starigita por apogi la agadon en iberamerikaj landoj, ĉefe pensante pri okazoj kun malpli da rimedoj kaj ebloj. Ni volas esprimi nian dankemon al kunlaborantoj kaj ties dediĉo de tempo kaj mono. Flugis libroj al Meksiko, Kolombio, Argentinio...
Dum la venonta jaro ni intencos pludaŭrigi la agadon.

Pri konkretaj petoj por helpo ni ricevis tri. Jen la decidoj faritaj tiusence:

* Al Grupo Esperantista de Bilbao: 300 € pro instalo de lifto en la domo de la sidejo kaj 200 € pro organizo de E-kursoj.
* Al E-Asocio en Aragono *Frateco*: 200 € pro organizado de E-kursoj.
* Al Oliva E-Klubo (en Valencio): 200 € pro organizado de E-kursoj.

Krome, kiel kutime, en nia sidejo estis organizitaj E-kursoj por komencantoj.

**PROJEKTOJ POR 2013**

A) Esperanto en Iberameriko
*Fundación* daŭre helpos la disvastigon de Esperanto en iberamerikaj landoj. Tiusence, ni apogos la sendadon de libroj (ĉefe vortaroj kaj lernolibroj) al E-asocioj aŭ E-grupoj en Iberameriko.

B) Aliaj helpoj por instruado kaj disvastigado de Esperanto *Fundación* helpos diversajn aktivaĵojn por Esperanto. Ekz.: organizado de E-kursoj, eldono de libroj en aŭ pri Esperanto, realigo de E-eventoj... Eĉ oni povas fari alijan sugestojn aŭ proponojn. La petoj devos esti ricevataj antaŭ la 30a de novembro de 2013.
Eventuale, la tuta kvanto disponebla por helpoj estas 1.200 €.

**Noto:**
Okaze de la lastaj modifoj de la mapo de la bankoj en Hispanio, nun restas nur du bankaj kontoj. En "La Caixa" estas nova konto (diversa de antaŭa). La aliaj jam ne validas. Do, la aktualaj bankaj kontoj de "Fundación Esperanto" estas:
En Ibercaja: 2085 0101 13 0128624762
En "La Caixa": 2100 5553 36 2100406825

# Pri grupoj kaj asocioj

## Andaluzio

Dum la semajnfino de la 15-a kaj 16-a de decembro, dekoj da esperantistoj el diversaj partoj el Hispanio, ĉefe el Andaluzio, partoprenis la nunjaran Andaluzian Kongreson en la bela kaj ĉiam vizitinda Granada.



J. María Rodríguez kaj Ángel Arquillos

La Kongreso okazis en salono "Granada" de la Hotelo Anacapri, situata en centra parto de la urbo. Tie, je la 10,30 okazis la inaŭguro, per akceptaj vortoj de la Prezidanto de AEU Angel Arquillos kiu parolis pri la Festo de Zamenhof kaj pri la kongresurbo Granada kaj ĝiaj mirindaĵoj, kiel la belega Alhambra, kaj sekve li deklaris la 17an Kongreson de AEU malfermitan. Jose María Rodríguez prezentis la agadon faritan dum la lasta jaro, ĉefe la sukcesajn kursojn de Esperanto, gvidate de Rafael Mateos en diversaj urboj de Andaluzio, kaj informis pri la plano inviti al la okazigo de HEK en unu el la urboj de la regiono por venonta jaro.

Sekvis la prezento de la libro pri poemoj titolita "mediteraneaj eroj" de Ángel Arquillos kaj eldonita de la Andaluzia Esperanto Asocio. Tiam, la aŭtoro legis kelkajn el la poemoj kaj poste subskribis kelkajn ekzemplerojn aĉetitajn de la partoprenantoj.

Post paŭzeto, Pablo Foche prelegis pri *Linukso kaj libera softvaro*, klarigante ke la liberaj programoj ne ĉiam estas senpagaj, kaj ke oni devas plenumi kelkajn regulojn por ke la programoj estu liberaj por ĉiuj. Li parolis pri Linukso, kiel la plej konata de la liberaj programadoj, kaj certe sekura.

José María Rodríguez prezentis la prelegonton, Miguel Fernández, kiel persononon ege ligata al AEU, kaj kiel denaskan granadanon. Miguel dankante la afablajn vortojn de Chema, menciis sian originon kaj sian infanaĵojn en El Albajzin, kaj enirante en la temon de la prelego *Sur la Ŝpuroj de García Lorca*, li rememoris ke li komencis prelegi pri tiu poeto dum la Kongreso de Sant Cugat, kaj poste en la Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Valencio, la jaron 1993.


Miguel Fernández prelegas

Ekde tiam, li ĝuas prelegi pri tiu temo

Miguel, kiel ĉiam, prelegis entuziasme kaj fervore, pri tiu granada poeto, dekla-mante kelkajn poemojn kaj eĉ kantante jen en la hispa-na lingvo, jen en Esperanto. Tondra aplaŭdado je la fino kaj dum la kantado, premiis la prelegon de Miguel.

Vespere, kaj antaŭ la vizito al la mondfamaj Palacoj de la Alhambra, José María Rodríguez klarigis kelkajn vortojn pri tiu juvelo vizitota. Antaŭe, S-ro Rafael Mateos klarigis elementan kurson por ĉiu interesito**.**

Per nokta vizito al la Palacoj de la Alhambra, kies klarigoj estis en Esperanto, oni finis la tiutagajn aranĝojn.

La 16-an multaj el la gepartoprenantoj vizitis la faman Albajzinan kvartalon, por iri poste al hotelo Anacapri, kie okazis prelegeto pri flamenko, far José María Ro-dríguez, kaj sekvis la Fermo de la Kongreso.

Kiel brila fino de tiu renkontiĝo, ni ĝuis aŭskultante la kantiston Iván Centeni-llo, plurajn flamenkajn kantojn, akompanate de bona gitaristo, kaj finante per kantado, laŭ la flamenka stilo, de "La Espero" en Esperanto.

Tiel finis tiu simpatia kaj amikeca renkontiĝo, kie ni havis okazon saluti mul-tajn novajn kaj malnovajn geamikojn.

M R Urueña

# Aragono

## La Zamenhofa Tago en Zaragozo

Nia omaĝo al D-ro Zamenhof, komenciĝis tiu ĉi jaron en Zaragozo per intervjuo al nia s-ano D-ro Mediano en la Aragona Televido ekzaltante la gravajn kondiĉojn de Espe-ranto kiel lingvo internacia. Kiel ĉiujare dum multegaj jaroj, la Esperanta Centro *Frate-co* de Zaragozo, solenis la Zamenhofan Tagon honore al nia Majstro. Tiu ĉi jaron ni organizis duoblan Festotagon, unue, la 15an de decembro, ni konforte tagmanĝis en Hotelo Goya, al kio sekvis plurhorajn konversaciojn inter ni, ja temaro tute ne mankis okaze de la organizado de la venonta 72a Hispana Esperanto-Kongreso, kiun ni devas pretigi en la Aragona ĉefurbo. La dua Festotago okazis la 18an de la sama monato, kiun ni efektivigis en salono de nia Centro *Frateco*.

En tiu ĉi dua Festotago, la veterano Antonio Marco, prelegis pri "Komentoj de anekdotoj okazintaj en Hispanaj-Esperanto Kongresoj", kiu taŭgis por rememorigi tiujn pasintajn tagojn kiam en Hispanio la geesperantistoj ankoraŭ ne havis la sufiĉan liberon por paroli aŭ diskuti kun la tiamaj aŭtoritatoj.




La unua anekdoto kiun li rakontis estis, ĝuste okaze de la unua E-Kongreso post la intercivitana hispana milito, okazinta en la jaro 1951, en Terrassa: ni, la esperantistoj, atendis tiun Kongreson kiel akvo falinta el la ĉielo, tiel entuziasme, ke kvankam la OKK ankoraŭ ne ricevis la devigan permeson de la Ministerio pri Internaj Aferoj, multnombraj kongresanoj vojaĝis al Terrassa kelkajn tagojn antaŭe. Tie ni kunvenis en kafejoj ĝis la antaŭa tago projektita por la komenco, kaj nervoze komentis, ĉu eble la permeso venos neniam? Tiam, la plejmulto el ni decidis: "*Se la permeso ne venos ni kunvenos en Barcelono en kafejo, sed nepre ni kunvenos!!*"




Feliĉe, en la lasta horo la permeso alvenis: estis ja emociiga defili tra la stratoj de Terrassa agitante la esperantistajn flagojn de niaj respektivaj Esperanto-Centroj, inter la entuziasmaj aplaŭdoj de la publiko, la simpatiaj terrassanoj. Akceptis nin en la Urbodomo la Vicurbestro, kiu ĝentile deziris al ni sukceson en nia Kongreso, kaj efektive oni atingis ĝin, ĉar post tiu evento oni kreis multenombrajn esperantistajn asociojn, precipe kun la veteranaj esperantistoj, kiuj ĝis tiam timis sin deklari kiel tiaj pro la kontraŭkultura politiko de la tiama registaro.




….Kaj la preleganto daŭrigis rakontante aliajn anekdotojn, kiel tiu kiam la tiama provincestro pretendis malpermesi la Literaturan Konkurson kiun ni projektis okazigi en la HEF-kongreso okazinta en Zaragozo en la jaro 1954 …sed li fiaskis malgraŭ esti provincestro de diktaturo.

Ankaŭ tre interesa la anekdoto okazinta en la HEF-Kongreso, en Zaragozo en la jaro 1983, kiam ni organizis Tipan Feston de la Aragona Folkloro, kaj meze de la Festo iu "fanatikulo" kriis "*Kantu ĥo*ton *en Esperanto"!!!,* kaj la surprizo estis ke… la aragona kantisto kantis en Esperanto jenan "ĥoton":

Mi demandis anĝeleton
pri la paradiza vojo
kaj li diris "sekvu Ebron
kaj haltu vin en Zaragozo".

Post vera eksplodo de aplaŭdoj kaj antaŭ la insista peto de la ĉeestantaro, la kantisto kantis denove en Esperanto alian "ĥoton":

Punis homan fierecon
Dio per Babela Turo,
sed la lingvo Zamenhofa
liberigis nin de l' puno.

Mi ne povas daŭrigi rakontante pli da anekdotojn el mia prelego ĉar mi timas tro longigi ĉi tiun informon, nur mi aldonu ke post la prelego de nia samideano Marco sekvis gustumado de manĝetoj kaj bongustaj trinkaĵoj.

Antonio Marco Botella

# Madrido

TAGO DE ESPERANTO EN MADRIDO

La 15-an de decembro, Madrida Esperanto-Liceo organizis kon rencon por festi la Tagon de Esperanto kaj samtempe la 125-an datrevenon de la nask ĝo de la lingvo. Ĝia titolo estis *“La valoro de Esperanto kiel interkultura fenomeno”.*

La konferenco disvolviĝis en la Centro Cultural Galileo, en la st to Galileo, numero 39, kaj ĝi estis malferma por la ĝenerala publiko. Bedaŭrinde, ta en, la ekstera efiko estis pli malgranda ol ni esperis, malgraŭ la dismetado de afiŝoj e diversaj lokoj de la urbo. Tial, parto de la matenaj programeroj, kiujn ni anoncis kiel ispanlingvajn, estis fine klarigitaj en Esperanto aŭ dulingve.

Ekstervice, Lupe montris al ni detalojn de la vojaĝo kiun ŝi kaj armen faris dum la lastaj semajnoj al Kubo. Poste, Ana Manero prezentis la Bitotek de Hispana Esperanto-Federacio. Pedro Hernández parolis pri la uzo de Esperanto e la familia vivo. Tagmeze, dekkvino da esperantistoj aliris proksiman restoracion, ‘La Posada de Fernando el Católico”, por kune festeni kaj tosti je Zamenhof…

Vespere, Manolo Pancorbo montris kondiĉojn por ebla komunikado kun ekster-teranoj. Ricardo Albert disvolvis diversajn aspektojn de la historio de la Ibera Duon-insulo dum la islamana regado. Poste, Jorge Camacho parolis pri sia poezio, kaj deklamis specimenon de siaj lastaj poeziaĵoj en la esperanta kaj la hispana lingvoj.

Fine, estis projekciata la dokumenta filmo “The universal language”, en la angla kaj Esperanto kun hispanaj subtekstoj. Sekvis interesa kolokvo, en kiu oni diskutis ĉu la bildo de esperantistoj montrata en la filmo estas pozitiva kaj diskoniginda al ĝenerala publiko. Evidentiĝis ĝenerale ke aktivaj esperantistoj ne sentas sin trafe bildigataj en la filmo, dum eksteruloj montris pli pozitivan takson pri ĝi.

# Diversaj

**"Printempo"**

"Printempo" estas la titolo de la nova disko de la pianisto Pablo Pe ez, kiu estis lanĉita komence de januaro. La titolo ne estas traduko: temas ĝuste pri  perantlingva vorto, kaj ankaŭ en Esperanto aperas la titoloj de la unuopaj pecoj.
En la kajero akompananta la diskon publikiĝas dulingve teksto pri Espera to, kiu klarigas la kialojn por la uzo de tiu ĉi lingvo.
"En la komenco de la tria jarmilo, la Homaro devas proponi al si men universalajn celojn ampleksantajn la tutan planedon; tiurilate mi proponas ĉi universal man lingvon kiel metaforo ke ni estas parto de granda tutmonda komunumo bazita su esenca konsento: nia natura biologia altruismo kaj la bezono por ni kiel individuoj esti parto de homaj grupoj…"
La muziko apartenas al ĝenro konata kiel novepokeca, kun kutime trankvi aj melodioj.
La tradukon de la titoloj kaj la tekstoj faris Toño del Barrio. Lia helpo, k j la nomo de HEF, aperas en la diskokajero.
Pliaj informoj aperas en la retejo de la aŭtoro: http://www.gotasdeltiempo. rg/

**Google omaĝis esperantiston**

La 28-an de decembro la interreta kompanio Google dediĉis sian ĉefpaĝo en Hispanio kaj Kanado al la inventisto kaj inĝeniero Leonardo Torres Quevedo. Kiel estas konate, temas pri tre grava sciencisto, kreinto de interalie la unua teleregilo aŭ la unua aŭtomata ŝakludisto, plus multaj aliaj inventoj kaj iniciatoj. Kaj li estis "feroca esperantisto", kiel nomis lin la francia diplomatio post liaj proponoj favore al Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj komence de la 20-aj jaroj.
La okazo estas la datreveno de lia naskiĝo, kaj la kialo ke ankaŭ en Kanado aperis la informo estas ke oni memorigis pri la "Spanish Aerocar", la transportilo super akvofaloj Niagaro, kiun li konstruis kaj plu funkcias.
La omaĝo konsistis en la apero de bildo en la baza serĉpago de la firmao, kiu aludas la aŭtoron kaj samtempe entenas la nomon de la firmao.
Tiu bildo, nomata "doodle" estas tre grava, ĉar ĝi altiras atenton de homoj al tiu figuro, kaj kondukas al serĉo pri lia nomo. Ni jam havis sperton pri tiu efiko kiam Google dediĉis ĝin al la 150-a naskiĝo de Zamenhof. Nun mi konfirmis tiun efikon: multaj homoj vizitis la paĝon kiun mi persone (Toño del Barrio) havas pri lia rilato al Esperanto, kaj entute mia persona retejo akiris 20-oble pli da vizitoj ol lia kutima tago.
Bona ekzemplo pri la graveco atenti tiajn vojojn por informi pri nia lingvo.



# KK: “LINGVO KAJ SENTO”

La unuaj du literoj (KK) rilatas al la elstara verkisto K. Kalocsay. Iel povus rilati al la KongresKialo de la 72-a HEK (Hispana Esperanto-Kongreso), kvankam temas pli pri la moto ol pri la motivo.
La duopo “Lingvo kaj Sento” estas la esprimo uzita de Kalocsay por difini Esperanton. Esperanto ne estas unudimensia fenomeno sed almenaŭ dudimensia. Plurfoje mi tion pensis kaj sentis. Tiel, diversaj duopoj povas taŭgi por karakterizi nian esperantan lingvon: kapo kaj koro, korpo kaj animo (Leono Zamenhof), racio kaj emocio, logiko kaj frenezo, realo kaj revo, knabo kaj kajto (belege kantata de la muzikgrupo Kajto)…
Oni devas (re)legi interesajn (af)erojn, vortojn kaj tekstojn. Multfoje pli indas reiri al legindaj vortoj ol ĵeti novajn kiuj ne alportos multon. Tial, mi proponas nun (re)legi mirindajn vortojn de K. Kalocsay pri nia senta lingvo. Eĉ mi reproduktos sube vortojn de du fontoj (el du libroj) ĉar kvankam troviĝas kelkaj koincidoj, mi konsideras ke estas interese prezenti ilin tiaj. Krome, ŝajnas konvene omaĝi la numeron du. Foje indas proklami: Jen du, jen ĉu’!
LN (Lorenzo Noguero), el Zaragozo

*El: KK: “Lingvo Stilo Formo”   (p. 51 – 52 kaj 76)*
“Komence estis la sento”, tiel oni devus komenci la historion de Esperanto. Vi ja scias, ke la sento naskis la lingvon. Kaj ne la seka scienculo, sed la profundsenta artisto skulptis el la ŝtonamaso de skemoj la statuon de la lingvo, ĝizante kaj glatigante ĝin, ĝis fine, ĝi vive ekmovis sin, kiel iam al Pygmalion. Ĉi tiu artista mano kaj sentema koro faris, ke en Esperanto estas ne nur fleksebleco kaj harmonio, sed ankaŭ varma senpereco, dolĉa aromo, afabla humoro, ĉarma senpretendeco. La ceteraj projektoj sonas apud ĝi, kvazaŭ matematika formulo apud soneto.
Lingvo kaj sento, jen estas Esperanto. La lingvo vivas en sia literaturo, la sento parolas per poezio.
(…)
Esperanto […] bezonas helpemajn manojn kaj entuziasmajn korojn. Donacu do ilin al la lingvo, kiu, kreskinte al la semo de sento, volas produkti florojn de sento, kaj kies eblaĵoj, tra la harmonio de sento kaj esprimo, ideo kaj formo, deziras disbranĉiĝi por multkolora, fortika kaj nepereigebla vivo.



*El: KK: Prezidenta parolado (legata de D. Dalmau) dum la XI-aj Internaciaj Floraj Ludoj en 1925 (aperas en KK: “La esperanta poezio”, el “Dek prelegoj”, p. 80)*
[…] se la Esperanta poezio bezonas niajn korojn, tiom pli bezonas niaj koroj ŝin, kiu en nia benata batalo portas por ni magian armilon, la potencan inspiran forton de l’ Belo.

Miraklon ŝi faras por nia bono: el grizaj vortoj, enuaj gramatikaj reguloj, el sekaj senvivaj skemoj, per la tuŝo de ŝia magia bastono, estiĝas vibre vivanta estaĵo, en kiu oni mire rimarkas la pulsbaton de l' Koro. La lingvo, kiu ĝis tiam konsistis kvazaŭ nur el sekaj formuloj, taŭgaj nur por sekaj konstatoj pri la *eksterhoma* mondo, akiras subite kolorojn riĉajn, nuancojn freŝajn, tonojn profundajn, penetras en la mallumojn de tiu mondo, eĉ al ni mem nekonata, kiun ni portas en ni. Kaj kiam nian animon unue vibrigas sentoj per ĝi inspiritaj, aŭ kiam ĝi unue donas vortojn por niaj duonklaraj sentoj, tiam kun kortuŝa surprizo ni rekonas en ĝi kvazaŭ la dolĉecon de nia lingvo patrina, ian neklarigeblan, korkaresan ĉarmon. Ni scias Esperanton, kiam ni finis ĝian lernolibron, sed ni posedas ĝin nur kiam la unuan poemon ni elĝuis. Kaj de tiam ankaŭ Esperanto posedas nin neforŝireble.

Unu el la geniaj trovaĵoj de la Majstro estis ke Esperanton antaŭ ĉio li fianĉigis al la poezio. Per ĉi tio li spiris la vivon en la argilfiguron de la verko. Kaj per ĉi tio li turnis sin ne al la *menso* […] de la homoj […] sed […] al ilia *sento* […]. La sento ŝirmis Esperanton, la sento, esprimata per poezio, donis al Esperanto tian kuntenantan forton, kian al patrujideo donas la komunaj rememoroj, doloroj, ĝojoj, aspiroj, entuziasmoj. Lingvo kaj sento: jen estas Esperanto. La lingvo vivas en sia literaturo, la sento parolas per la poezio.

*Komence estis la sento* – tiel oni devas komenci la historion de Esperanto. Kaj tiam okazis neklarigebla mistero, kiun ne povas koni kaj tial ne povas kredi tiuj, kiuj staras ekster la lingvo. La sento penetris la gramatikon, la vortaron. La dolĉa alterno de sonoj, la molaj j-literoj, la sonoraj ĉ-literoj, la akcento pulsanta kvazaŭ korbato kaj aliaj neklarigeblaj nur senteblaj detaloj en la lingvo-strukturo faras jam unuavide impreson de ĉarmo, de hejmeco […]

Lorenzo Noguero

---



# Lingva Angulo

## Kiel diri "*cabello de ángel*" en Esperanto?

Laŭ la *Gran Diccionario Español-Esperanto* de Fernando de Diego, *"cabello de ángel"* (hispane, ES) estas "konfitita cedrato" (esperante, EO). Se ni kontrolas rete la aperojn de EO "cedrato" en tiu sama vortaro, ni trovos ĝin ĉe tri hispanaj vortoj:

| | |
|---|---|
| > cabello | *cabello de ángel,* vermiĉeloj, konfitita **cedrato** |
| > cidra | Bot. **cedrato** |
| > espejuelo | konfitita **cedrato** (confitura) |

Tamen en la reta *PIV* legeblas ke "cedrato" estas "Sp. de citruso (*Citrus medica*), arbeto aŭ trunkarbusto kun grandaj, 7—8cm diametraj, plejofte longformaj fruktoj, kies dika, maleben-supraĵa ŝelo estas uzata kandite aŭ konfitite por sukeraĵoj k kukoj; origina el Hindio, kultivata en la varmaj partoj de la Mediteranea regiono", kio tute ne kongruas kun la frukto nomata ES "cidra" kaj uzata por produktado de la konfitaĵo *"cabello de ángel"* (laŭvorte, "anĝelaj haroj").

Bedaŭrinde la vortaro de Fernando de Diego ne atentas ke nur unu el la tri signifoj de ES "cidra" egalas al EO "cedrato", nome tiu sinonima je ES "cidro, toronja", dum la planto uzata por *"cabello de ángel"* estas, pli precize, ES "cidra cayote". Ni trovas bonan resumon de la problemo en la hispanlingva *Vikipedio* ĉe es.wikipedia.org/wiki/Cidra (indas alklaki ĉe ĉiu el la tri malsamaj plantoj por kompari la difinojn kaj bildojn):

*Cidra puede referirse a:*
- *la cucurbitácea Cucurbita ficifolia, vegetal también conocido como alcayote, chila cayote o cayote;*
- *el cítrico Citrus medica, vegetal también conocido como cidro, poncil o toronja;*
- *la cucurbitácea Sechium edule;*

Dum la dua tradukeblas kiel "cedrato" kaj la tria kiel "ĉajoto", por la unua mankas ekvivalento en Esperanto. Surbaze de la etimo de la vorto, el la nahuatla lingvo, nome (laŭ la proksimuma prononco) *cilakajotli*, el *cila[k],* "glata", kaj *[k]ajotli*, "kukurbo", kaj simile al la oportune kurtaj formoj "chila" [pr. ŝila] kaj "gila" [pr. ĵila] en la portugala, oni povus proponi novan radikon "cilo" kun jena difino, kiun plantisto aŭ plantologo certe povus plibonigi:

*cil/o* 1 Sp. de kukurbo (*Cucurbita ficifolia*), kies fruktoj kun nigraj semoj k glata verda ŝelo estas uzataj konfitite por sukeraĵoj k kukoj; origina el Ameriko. 2 Frukto de cilo *1*
Dume, kaj en tekstoj kie ne necesas tioma precizeco, oni povas traduki "cabello de ángel" per "konfitita kukurbo" aŭ "kukurba konfitaĵo". Jorge Camacho

# Programo de la 9-a Iberia Renkontiĝo

Kiel eble vi jam eksciis aŭ konas, ĉi jare ni alvenos al la 9a okazigo de la Iberia Renkontiĝo.
Tiu evento estas granda sukceso, nevalorebla frukto de la kunlaboro inter Hispana Esperanto – Junulara Societo (HEJS), Kataluna Esperanto – Junularo (KEJ) kaj Portugala Esperanto – Junularo (PEJ) kiu montrigis, ke ekzistas ege bonaj rilatoj inter la tri plej grandaj junularaj asocioj pri Esperanto en nia duoninsulo.
La renkontiĝo celas ĉefe al junaj geesperantistoj aŭ gekomentantoj sed fine oni akceptas ĉiuaĝajn homojn kiuj pretas partopreni kaj amuziĝi per Esperanto. Ĝin organizas sinsekve unu el la tri Junularoj cititaj: HEJS, KEJ kaj PEJ kaj, en ĉiu okazo, ĝi estas aranĝita en iu teritorio: Portugalio kaj Hispanio (jen katalunparolaj jen nekatalunparolaj regionoj).
La afero estis tiom bona, ke oni alvenis jam al la 9a fojo. Jam la 9a!! Ĝi okazos en Madrido, ekde la 15a ĝis la 17a de marto 2013.
Kiel membro de la LKK kaj nuntempa prezidanto de HEJS, mi esperas, ke vi ĉiuj




kuraĝiĝu kaj partoprenu en tiu amuza kaj lerniga aranĝo (el kiu okazas nur po unu ĉiu jare).
Vi povas informiĝi kaj aliĝi enirante en la multlingvan retpaĝon http://www.esperanto.es:8080/IberiaRenkontigho aŭ skanante la sekvan QR-kodon per la taŭga programo (Bidi, Google Goggles...) per via *saĝa* poŝtelefono aŭ tabulkomputilo:



Jen la programo de la evento:
Vendredo, la 15a de marto

Interkona vespero: Kunveno por ke la partoprenontoj en la IRo interkonatiĝos. Kun enkondukoj el ĉiu partoprenanto. Estos manĝaĵetoj kaj trinkaĵoj por amuzigi la kunestado kaj igi ĝin improvizita kunmanĝado kaj babilrondo. Pretigu vian prelegon kaj parolu al ni pri via lando, regiono, kulturo... kaj ankaŭ kial vi interesiĝis pri Esperanto. Ni atendas vin!

Prelego: "Esperanto y Cultura" (Esperanto kaj Kulturo): Prelego en la hispana por montri la esperantan lingvon kaj kulturon. Ĝi estos malferma al la najbaroj el la kvartalo kaj al ĉiuj, kiuj scivolemos pri aferoj rilataj al Esperanto.

Sabato, la 16a de marto

Kiel fari vian propran sapon? Ateliero pri kosmetikaĵoj: Kurso pri manfarado de sapoj kaj natura kosmetiko. Oni faros sapon el oleo uzita je fritado kaj olivoleo same kiel faris niaj gepatroj kaj geavoj en la vilaĝoj.

Ankaŭ oni faros vizaĝajn kaj korpajn kosmetikaĵojn el naturaj kaj facile haveblaj ingrediencoj.

La atelieron oni faros en Esperanto kaj, je la fino, la partoprenontoj rajtos elporti specimenon el la produktaĵoj farotaj. Ĉu vi maltrafos tion?

*Proyecto "San Fermín"*: Prelego en la hispana tradukita samtempe al Esperanto pri Asociación Proyecto San Fermín (Asocio Projekto San Fermín) kiu estas neprofitcela ento kiu naskiĝis en la jaro 1991 kune kun la Asociación de Vecinos (Kvartala Asocio), al kiu daŭre estas ligata je celoj kaj projektoj. Tiu asocio ricevis nin brakmalferme kaj faciligis, ke ni okazigu nian renkontiĝon en ilia gastigejo.

La Projekto "San Fermín" celas la loka kaj komunuma disvolviĝo, la sociaj projektoj kiun la asocio disvolvigas evoluadis dum sia historio por respondi al la bezonoj de la komunumo kiu ĝin enhavas.
Lernigado, Laboro, Politikoj pri sameco je la seksoj, edukado, interkulturaleco, alireblo al la Teĥnologioj pri Informado
kaj Komunikado, komunuma laboro kaj partoprenado iĝas la fundamentaj aksoj de ilia laboro.

Ekde la jaro 1999, la Asocio Projekto San Fermín aranĝas la Albergue Juvenil "Madrid - San Fermín" (Junulara Gastigejo "Madrid – San Fermín", ene de ekonomia agado pri la terciara sektoro laŭ modelo de memzorgado, kiu aldonas apartan identecon kaj idiosinkrazion al la projekto entute.
http://www.san-fermin.org/

Kurso pri Esperanto por gekomencantoj: Malferma aranĝo por la kvartalanoj kaj por ĉiuj kiuj interesiĝos koni la bazaĵojn de la lingvo Esperanto.
La kurso daŭros 2 horoj kaj permesos al la partoprenantoj elteni etan konversacion en tiu universala lingvo kaj ekkoni ĝian gramatikon kaj fonetikon por komenci uzi ĝin kaj kuraĝi paroli en ĝi dum tiu ĉi IRo. Ankaŭ oni povos vojaĝi al la pluraj internaciaj renkontiĝoj pri E-renkontiĝoj okazantaj en la tuta mondo.

Peĉakuĉo: Mallongaj prelegoj (20 diapozitivoj po 20 sekundoj: 6 minutoj kaj duono parolante) pri ĝenerale interesa temo. Ĝi estos en Esperanto kaj tie partoprenos 6 parolantoj. Ĉu vi kuraĝas partopreni?

**http://es.wikipedia.org/wiki/PechaKucha**
**http://eo.wikipedia.org/wiki/Pe&C4%89aku%C4%89o**

- Dokumentfilmo "The Universal Language":

Vidado kaj posta debatado pri la Dokumentfilmo "The Universal Language" fare de Sam Green. Tiu ĉi dokumentfilmo de la jaro 2011 pensigas pri la kreado de Esperanto kaj tie oni intervjuas esperanto-geparolantojn el diversaj partoj de la mondo.

http://eo.wikipedia.org/wiki/Sam_Green#.22The_Universa_Language.22
http://esperantodocumentary.com/
http://eo.wikipedia.org/wiki/Sam_Green
http://es.wikipedia.org/wiki/Sam_Green

- SAT kaj Esperanto: Prelego pri tiu esperantisma asocio kiu fine de julio kaj komence de aŭgusto okazigos sian universalan kunvenon en Madrido.

- “Bohemia Nokto”: Gvidita vizito “Max Estrella” tra Madrido: Gvidita vizito en Esperanto sekvante la paŝoj de la literatura rolulo Max Estrella el la teatraĵo “Luces de Bohemia” (Lumoj el Bohemio) fare de Valle-Inclán. Ni trairos la pluraj lokoj kiuj supozeble inspiris al Valle-Inclán por krei sian vizian “esperpenton” (absurdeca mondo) kaj ni haltos je iuj trinkejoj kaj manĝejoj por krei la modernisman fikcion (kaj nefikcion) el la vingustumado de Max. Al nia rolulo mankas la Parizo de “fin de siècle” kiu, iam, oni povas vidi en la nokteco de la brilaj artefaritaj lumoj de Madrido. Oni ludos iun teatran sceneron. Nu, per tiu vizito ni havos la ŝancon malkovri Madridon el alia perspektivo, plena je esprimismaj nuancoj kaj literaturaj gustumaĵoj.

Nokta diboĉado en Madrid: Daŭrigo de la gvidita vizito. La trinkejoj kaj festumejoj de Madrido gastigos la bohemiaj geesperantistojn**.**

Dimanĉo, la 17a de marto

Biciklado kaj manĝado: Biciklpromeno tra Madrid Río (almenaŭ, tiu estas la intenco) kun manĝado. Oni vizitos la novan parkon en Madrid, lokita apud la gastigejo San Fermín kaj kiu rehavis la ĉirkaŭon de la rivero Manzanares kun plantoj kaj kiu iĝis tre agrabla promenejo por la madridanoj.

**http://es.wikipedia.org/wiki/Madrid_R&C3&ADo**

Tiu ĉi estas la adiaŭo el la IRo. Ni renkontiĝos denove en la sekva E-arangô.

| | Vendredo | | | Sabato | | | Dimanĉo | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Esperanta | | Disvastiga | | Esperanta | Disvastiga | Esperanta | Disvastiga |
| 10:00 - 11:00 | | | | | | | | |
| 11:00 - 12:00 | | | | | Kiel fari vian propran sapon | | | |
| 12:00 -13:00 | | | | Libro | | Curso de iniciación | Biciklado kaj manĝado | |
| 13:00 -14:00 | | | | | Projekto San Fermín San Fermín | | | |
| 14:00 -15:00 | | | | | | | | |
| 15:00 -16:00 | | | | | | | | |
| 16:00 -17:00 | | | | Peĉakuĉo | | | | |
| 17:00 - 18:00 | | | | Documental The universal language | | | | |
| 18:00 - 19:00 | | | | SAT y esperanto | | | | |
| 19:00 -20:00 | Akcepta | | Prelego: Esperanto y cu | | | | | |
| 20:00 -21:00 | | | | | | | | |
| 21:00 -22:00 | | Interkona vespero | | Gvidita vizito Max Estrella tra Madrido: "Bohemia Nokto" | | | | |
| 22:00 - 23:00 | | | | | | | | |
| 23:00 - 00:00 | | | | Nokta diboĉado en Madrido | | | | |

# ESPARANTAJ EVENTOJ EN LA MONDO

1 - 9. marto

2013 20-a E-Korusa Semajno ĉe Pireneoj – en La Bastide-sur-l'Hers, Francio. Priskribo: 20-a-foje ni organizas korusan semajnon sub gvidado de eksterlanda korusestro! 5 horojn da taga kvarvoĉa kantlaboro, turismo, kulturo, koncerto, bona manxĝo, ktp. Inf.: Jorgos ESPERANTO - Mirevia FR- 11 420 Lafage, Francio. Rete: tutpeko@aliceadsl.fr

4 - 11. marto

Balkana Esperanto Ski-Semajno, BESS, en Sofio, Vitoŝa montaro. Skiado en la montaro, dormado en Sofio aŭ en la montaro laŭ financaj ebloj. Gustumado de naciaj trinkaĵoj kaj manĝaĵoj... Renkontiĝoj kun sofiaj esperantistoj. Inf.: UPIEK, BG-1202 Sofio, Bulv. Slivnica 204, Bulgario. Rete: lasto@mail.bg, kopio: lasto11@yahoo.co.uk

9 - 16. marto

Mediteranea Esperanto-Semajno - 2013 en Lazura Marbordo, St. Raphael, Residence Val d'Esquière, Les Issambres, Francio. Se ankoraŭ frostas en via regiono, venu al la Mediteranea Maro, kie floras mimozoj kaj migdalarboj. Vin atendas amika, familia etoso, belegaj pejzaĝoj, bona ripozo kaj lazura maro! Inf. Monique Prezioso, 92 allée des Harkis, FR-83700 Saint-Raphael, Francio, rete: prezmoni@hotmail.com, tel. +33(0)4 94 83 06 88

13 - 17. marto

Kuba Esperanto-Renkontiĝo (KERo) – en Santa Cruz del Norte, Kubo. Dum KERo kunsidos la Komitato de KEA kaj okazos multo alia: Klerigaj aranĝoj (kursoj, seminarioj, ekzamenoj); distraj aranĝoj (ekskursoj, ludoj, filmoj, konkursoj, danco-kursoj); aktivulaj seminarioj (informado, financo, junularo); fakaj aranĝoj (kunsidoj, prelegoj); sportaj aranĝoj (volejbalo, futbalo, pedalboata konkurso, k.m.a.); artaj aranĝoj (koncertoj, teatraĵoj); diskoteko kaj ĉiutaga radioelsendo. La organizantoj antaŭvidas riĉan programon kaj via persona kontribuo certe ne rajtas manki en ĝi. Rigardu ankaŭ vizaĝlibron. Inf.: Kuba Esperanto-Asocio, Apartado 5120, CU-10500 La Habana, Kubo. Rete: info@esperanto.co.cu

15 - 17. marto

Junulara Esperanto-Renkontiĝo, JER – en Győr, Hungario. JER estas la printempa aranĝo de la Hungara Esperanto Junularo. Krom diversaj amuzaj programoj okazas ankaŭ la jarkunveno de la asocio. Inf.: Hungara E-Junularo, rete: hej@esperanto.hu aŭ sarolta.bago@gmail.com

# SAT-kongreso

La 86a kongreso de SAT okazos de 28a de julio ĝis 4a de aŭgusto 2013 en Madrido (Hispanio), nome ĉe Colegio Mayor San Juan Evangelista. Dum la lastaj jaroj la SAT-kongreso okazis ĉiam en Orienta Eŭropo (Zagrebo, Sarajevo, Belgrado, Bulgario, Rumanio, Hungario, Slovakio, Ĉeĥio) kaj nur trifoje (Sviso, Milano kaj Parizo) en Okcidenta Eŭropo. Do, denove en Hispanio post 11 jaroj (Alikanto). La orienteŭropaj okazoj utilis al mi por koni Orientan Eŭropon. Nun reveno okcidenten povas utili al niaj orienteŭropaj samideanoj por interkonatiĝi kun Okcidento kaj al ni por disrompi barilojn. Certe estas kortuŝe partopreni en kongresoj kie civitanoj el ambaŭ flankoj el la iama Fera Kurteno interamikiĝas. Tio estas mia sperto pri SAT-kongresoj.

Kiel kutime ĉe SAT-kongresoj, matene okazos la Ĝeneralaj Kunsidoj de SAT, kiuj estas malfermaj al ĉiuj kongresanoj, kaj posttagmeze, kaj foje vespere, okazos kleraj programeroj kaj socipolitikaj debatoj. Vespere ĉefe okazos la distraj programeroj : koncertoj, teatraĵoj ktp.

Pri la kunsidoj oni diru, ke ĝi estos taŭga okazo por lerni kiel funkcias la unika esperanta organizo kiu agadas per socia luktemo rilate al socipolitikaj aferoj laŭ maldekstrema, progresema direkto. Tio kunigas al la dekomenca spirito de Esperanto. Dum tiuj kunsidoj oni komentos la ekziston kaj agadon de la organizo dum la nuna jaro, problemojn, perspektivojn ktp. Partopreno en tiaj kunsidoj povas helpi forigi la malindan kliŝon ke SAT estas eksmoda organizo de komunistaĉoj kaj kompreni, ke temas pri multe pli aktuala kaj malferma aktivejo.

Pri prelegoj kaj debatoj oni diru, ke elstara programero estos renkonto kun alternativaj amaskomunikiloj (aŭ amasetkomunikiloj) pri la temo, kiel oni akceptas esperanton en tiaj medioj. Jam kvar gazetoj kaj unu retejo promesis partoprenon kaj plej verŝajne ankaŭ aliaj venos. Tio kongruos kun moto de la kongreso: *Esperanto, taŭga ilo por sociaj luktantoj.*




Kongresejo

Almenaŭ unu tagon oni dediĉos unu aŭ eĉ pliajn horojn por apartaj kunsidoj (plej verŝajne samtempe) de la diversaj frakcioj, nome liberecana, komunista, sennaciista, vegetarana ktp., kio utilas por tio ke la diversaj kongresanoj kiuj agadas en diversaj socipolitikaj etosoj povu interŝanĝi spertojn pri siaj agadoj, atingoj kaj malfacilaĵoj pri disvastigo de Esperanto en tiuj aŭ eĉ inverse.

Eldonado estis ĉiam preciza aktivado de SAT. Tiurilate oni prezentos dum la kongreso imponan verkon fare de Miguel Fernández nome "Poezio : armilo ŝargita per futuro". Tio utilos kiel alproksimigo de niaj eksterlandaj samideanoj al la hispana engaĝiĝinta literaturo, sed ne nur hispana. Aliaj klerigaj programeroj rilate al nia pasinteco estos prelegoj de Antonio Marco Botella, aŭtoro, inter multaj aliaj verkoj de "Laboristaj kronikoj" kaj ties hispanlingva versio "Crónicas del Movimiento Obrero Esperantista", kaj de Toño del Barrio pri "Ideologiaj tendencoj en la hispana Esperanto-movado". Ambaŭ multege promesas.


dormoĉambro

Ĉar klerigo estas unu el la ĉefaj celoj de SAT abundos programeroj tiudirektaj kaj ĉefe se rilate al socipolitikaj temoj, pri alternativa ekonomio, veganismo, ktp., sed ankaŭ pri aliaj pli ampleksaj temoj kiaj eksterteranoj, rusa pentrarto aŭ krokodiloj (ambaŭspecaj). Kompletigos la klerigan aspekton atelieroj pri preparado de diversaj eroj, ege necesaj por Esperanto, nome gazetoj, prelegoj, peĉakuĉoj aŭ filmetoj. Tiusence estos oportuna momento por konstati kiel junaj aktivuloj moviĝas en precizaj teknikaj fakoj, kiaj estas eldonado, produktado ktp.

Vespere estos la momento distri sin. Oni aranĝos kolektivan spektaklon baze sur unuopaj aŭ grupetaj prezentadoj de poemoj, monologoj, scenoj ktp. Certe kolektiveco estu baza konstruilo de nia estonteco. Oni studas la manieron ebligi la partoprenon dekomence de la kataluna konata muzikgrupo Kaj Tiel Plu, kaj certe de aliaj muzikistoj, kiuj dancigos nin.


Katedralo de Toledo

Tuttaga ekskurso okazos al Toledo (dum tiu tago ne estos aliaj programeroj) kaj duontagaj promenadoj okazos tra Madrido serĉante ne nur la turismajn konindaĵojn sed ĉefe la lokojn kiuj estas ligataj al la historio kaj socipolitika vivo de la urbo kaj de la lando. La elekto de Toledo rilatas ĉefe al ties pasinto, kiel kunigejo de kulturoj, nome la mezepoka momento kiam koincidis tie judoj, araboj kaj kristanoj. Sen enkalkuli la romian, visigotan, imperikarolan, komunuman aŭ eĉ frankisman epokoj.

Postkongreso okazos, se estos sufiĉe da interesatoj, el la 5a ĝis la 8a de aŭgusto kun vizitoj al najbaraj urboj Avilo, Segovio, Aranĥuezo aŭ Eskurialo kaj ĉiutaga reveno al Madrido kie oni povos ĝui la vesperan madridan nokton. Informaron pri Hispanio, Madrido kaj Toledo vi povos trovi sufiĉe en la koncernaj artikoloj de Vikipedio. Pri Avilo, Segovio, Aranĥuezo aŭ Eskurialo jam estas iom, kaj pli detala informo sekvos kaj eĉ estos enmetita de vi, karaj legantoj, mem.

Postvenonta SAT-kongreso okazos en Bretonio, Francio, kaj kelkaj el ties organizantoj venos al Madrido por prezenti tiun postan okazaĵon. Ili akceptos sugestojn, apogojn kaj proponos alian interesan momenton por esperantumi en taŭga direkto.

Oni povos trovi pli ampleksan kaj detalan informaron pri la kongreso (aliĝiloj, listo de aliĝintoj, loĝejo, kiel alveni, fotoj ktp.) en la oficiala retejo nome
http://satesperanto.org/-2013-86-madrido-.html

Ĝenerale esperantistoj profitas, ke aliaj organizas kongresojn. Tiu ĉi estas la unua kongreso, kiun mi kunorganizas. Vere ni, organizantoj, bezonas, ke plej eble antaŭe oni aliĝu kaj ĉefe oni rezervu la loĝadon, kio certe estos ege malmultekosta kompare kun aliaj madridaj ebloj. Vere oni profitu la avantaĝon ke kongresejo kaj loĝejo estos en la sama konstruaĵo. Tio estas luksaĵo. Krome temas pri ejo, kiu ege famis dum la epoko de la fino de frankismo kaj komenco de demokratio en Hispanio, ĉefe rilate al organizado de kulturaj kaj muzikaj aktivaĵoj, nome pri ĵazo. Oni ne povas paroli pri ĵazo en Hispanio, sen enkalkuli "el Johnny" ("la Joĉjon") Pliaj avantaĝoj: naĝejo, próxima metrostacio, trankvila urboparto... Do, ne dubu, moviĝu.

Nome de la kongresa komitato, Kani.

# VIVU LA TEATRO![1] (III)

*(Miguel Fernández sursceniĝas.)*

**MIGUEL**: Ja ĉiuj fabeloj havas instruojn ne nur por infanoj, sed ankaŭ por adoltoj. En kelkaj el ili, sub infanaj vestoj, paroloj kaj etosoj, troveblas impone profundaj pripensoj kaj sociaj kritikoj. Kiu povas dubi, ke *Alico en Mirlando*, de Lewis Carol, tiuspecas. Eĉ pli, kelkaj fabeloj celas ekskluzive adoltojn. Ekzemple, la tuj prezentota, kies titolo estas *Tre moderna fabelo*. Temas pri amuza rakonteto el la unuavide apenaŭ prononcebla lango-torda Ferenc Szilágyi, hungara E-verkisto, kiu naskiĝis en Budapeŝto en 1895, pasigis grandan parton de sia vivo en Svedio, fondis la gravegan literaturan revuon *Norda Prismo* kaj mortis en Stokholmo en 1967. Kiel kuriozaĵon mi aldonu, ke, fine de 2009, unu el liaj verkoj, *La liberiĝo de la juĝisto*, estis publikigita en la hispana [kaj en traduko de Javier Guerrero] sub la titolo *La liberación del juez*, kaj fariĝis la unua kastili-lingva teksto el la E-literaturo publikigita de hispana komerca eldonejo.



Sed ni jam aŭskultu la humuran fabelon de Ferenc per la voĉo de nia senlaca kompano Raúl Martínez Anguita, dank' al kies entuziasmo kaj sindonemo ni kunas nun ĉi tie. *(Miguel foriras.)*

*(Eksonas la muzikpeco* The Entertainer*, de Scott Joplin.)*

***TRE MODERNA FABELO***

**RAÚL:** *Tiun ĉi eksterordinaran kaj freŝdatan fabelon mi nur peras transigante la respondecon al mia tre fidinda amiko –ni nomu lin Sen Dubo– kiu la unuan fojon rakontis ĝin ĉe blanka tablo, kie ne mankis glasoj.*

*"Aŭdu nur" – diris Sen. "Mia amiko, Ripsrops, veturis antaŭ nelonge per sia beleta ĉaro, vi scias, tiu Mercedes, inter Arĥangelsk kaj Kopenhago, kiam ĉe benzinputo, post kiam li aĉetis hejtmaterialon kaj dum la agado de la benzinulo, li iom promenis. Subite li aŭdis voĉon sub si:*

*"Sinjoro Ripsrops, sinjoro, bonvolu atendi..."*

[1]La du prezentoj –fare de Raúl Martínez Anguita kaj, respektive, Matilde Montero–, pri kiuj oni parolas ĉi-artikole, spekteblas ĉe la HEF-kanalo http://www.youtube.com/user/esesperanto

*Ripsrops rigardis malsupren kaj vidis ranon ruliĝantan al li. Li ne estas speciala ŝatanto de ranoj, sed io kaptis lin en la afero.*
*"Ĉu mi komprenas rane? Kaj ĉu vi povas paroli? Ĉu vi konas min?"*
*La rano respondis:*
*"Jes, kara sinjoro Ripsrops, mi povas paroli, sed mi ne parolas rane, sed dane. Mi petas vin, sinjoro Ripsrops... Mi frostas. Metu min en vian poŝon. Ĉu mi rajtas kunveturi al Kopenhago? Por bonfaro vi ricevos bonon!"*
*Ripsrops tre miris, precipe, ke la rano frostas, kiam estas varme, sed rano estas rano, kaj ĉar la petita varmo ne kostos al li elspezojn, li metis la ranon en sian poŝon. (... Kion vi diras? Jes... Jes, li estis sobra kiel mi.)*
*Iom post iom la rano iĝis hejmeca ĉe Ripsrops. Ĝi petis eĉ manĝon kaj iom da akvo, kiujn Ripsrops, kiu konsideris la ranon cetere tre modesta, donis al sia kunvojaĝanto. Tiel ili alvenis vespere al la metropolo, eĉ al la loĝejo de Ripsrops, ĉar la rano petis ripozlokon. Ripsrops malfermis la pordon de sia loĝejo kaj tiam la rano denove ekparolis:*
*"Kara sinjoro Ripsrops, mi estas tiel dormema. Ĉu mi rajtus dormi en tiu lito?"*
*Ripsrops ekmeditis. Estis la unua fojo, ke iu fremdulo volis dormi en ilia familia lito, sed efektive sinjorino Ripsrops estis for kaj tiu ĉi mirinda rano estis tiel dormema. Li metis la ranon en la apudan liton kaj demetis sian jakon kaj komencis pretigi sin por la nokta trankvilo. Li volis jam mallumigi, kiam li alrigardis la apudan liton kaj tiam li rimarkis, ke el la stranga rano fariĝis belega reĝidino, kiu supozeble apenaŭ estis provizita per noktovestoj. Lia rigardo ekglitis sur la marmoraj ŝultroj de la reĝidino. Ripsrops tute teruriĝis. Li frotis la okulojn. La reĝidino alrigardis lin kaj diris:*
*"Ri-i-ipsĉjo!"*
*Sen Dubo, t.e. la rakontanto, nun faris longan paŭzon kaj sekvis iom malcerte la ŝvebon de la cigareda fumo.*
*Mi urĝis:*
*"Nu, kiel estis poste?"*
*Sen alrigardis min kaj diris:*
*"Ĉu vi vere kredas tiun ĉi historion?"*
*"Kredi? Tute ne. Kial mi kredu?"*
*"Nu ankaŭ sinjorino Ripsrops, kiu tiumomente realvenis neatendite el sia feriado en Polinezio kaj malfermis la pordon de la dormoĉambro, ne kredis ĝin. Eĉ ne unu vorton..."*



*(Raúl foriras kaj aperas Ana Manero.)*

**ANA**: En la antikva teatro, fabelojn kaj fablojn geaktoroj rakontis verse. En Hispanio, la plej emblema kaj populara el la versaj rakontaj ĝenroj estas, sendube, la romanco. Ĝi devenas el la profunda Mez-epoko. Tiam, kiel vi scias, la aktoroj plej konformaj al la gusto de l' popolo estis la menestreloj, *los juglares* en la hispana lingvo. La tiamaj kastiliaj menestreloj estis kantistoj kaj aktoroj, kiuj amuzis la publikon ĉe placoj kaj kaste loj kontraŭ mono aŭ donacoj, aŭ simpla "glaso da bona vino". Ilian repertuaron konsis-

tigis akrobataĵoj, dancoj, ĵonglaj ludoj... sed la ĉefan parton nepre konstituis la ĝestoj, kiel ekzemple *Ĝesto de Cido*, kune kun lirikaj poemetoj. Sed kelkajn fragmentojn la aŭskultantoj aparte ŝatis kaj do igis la menestrelojn rekanti ĝis enkapigo. Parkerigite, tiuj fragmentoj iris de buŝo al buŝo, populariĝis kiel aŭtonomaj kantoj, ĝis fine ili konsistigis apartan ĝenron, la romancon. La menestreloj, konsciaj pri la sukceso de la tradiciaj romancoj, surpaperigis centojn da tiaj poemoj, ĝenerale pli longaj kaj kun pli ampleksa temaro, tamen plu ne elŝirataj el ĝesto, sed elpensataj de menestreloj mem. La aŭtoroj malaperis en anonimeco, kaj la popolo, plene identigita kun tiaj novaj poemtipoj, kantis, modifis, cirkuligis ilin. Ekzistas diversaj tipoj de romancoj. Unuj rakontas pri prodaĵoj, perfidaĵoj, herooj, perfiduloj... Aliaj estas lirikaj, parolas pri amo kaj senamo, sopiras kaj aspiras al belaĵoj... Aliaj plendas... Nun ni aŭskultos unu el ĉi lastaj tipoj de romancoj, la fame konatan romancon *La prizonulo*, en traduko de Fernando de Diego. *La prizonulo* estas belega karcera kanto, kiu ĉirkaŭvolvas nin kiel emociplena esprimo de izoleco, de sombro-dona manko de komunikiĝo. Ĝi ja enhavas kontaktopunktojn kun la tradici-tipaj lirikaĵoj nomataj *mayas* (majaj kantoj) pro tio, ke ili gloris la venkon de printempo kaj de amo en la monato majo. Ĉi tie la saman temon prikantas prizonulo, al kiu estas malpermesate ĝui printempon, kio ŝargas la tutan poemon per kortuŝo. Voĉlegos ĝin Matilde Montero, bona gustumanto de poezio.

*(Ana foriras. Eksonas la muzikpeco* Españoleta*, el* Fantasía para un gentilhombre*, de Joaquín Rodrigo.)*

**MATI:** ***LA PRIZONULO***

*Maje ĝi okazis, maje,*
*kiam varmas la sezon',*
*kaj kaniĝas la tritiko,*
*kaj sin levas flor-odor',*
*kiam kantas najtingalo,*
*kaj respondas oriol',*
*kiam la amantoj iras*
*fari servojn al Amor',*
*sed ne mi,la kompatinda,*
*kiu sidas en prizon'*
*kaj ne scias, kiam tagas,*
*kiam estas nokta hor',*
*ĉar ne plu birdeto trilas*
*ĉiufoje ĉe l' aŭror'.*
*Ĝin mortigis paf-arkisto:*
*Di' lin punu kun rigor'!*

*(Mati foriras)*

Miguel Fernández

# JOSÉ LUIS SAMPEDRO EN ESPERANTO

José Luis Sampedro (Barcelono, 1917) estas hispana ekonomikisto, verkisto kaj aŭtoro de renomaj romanoj, kiel *El río que nos lleva* (La rivero nin portanta), *La sonrisa etrusca* (La etruska rideto) kaj *El amante lesbiano* (La lesba amanto). Lia brile lucida humanisma kritiko kontraŭ la socia kaj morala dekadenco de la novliberalisma okcidento, samkiel liaj atakoj kontraŭ la brutaleco de la sovaĝa kapitalismo, kontribuis al la mobiliziĝo de la hispanaj indignuloj (la *15M-movado*, laŭe al ŝatata hispana maniero nomi eventojn per mallongigo de la datoj) la 15an de majo 2011. Sammonate en 2012, la madrida universitato UCM (*Universidad Complutense de Madrid*) priomaĝis José Luis Sampedro. Tiukadre, oni pli frue petis lin verki du poemojn kaj unu prozaĵon kun la celo traduki ilin en pli ol kvardek lingvojn. Ni HEF-anoj estis petataj kontribui per esperantigo de la tekstoj. Min honorus partopreni en tiu projekto, kaj mi do tuj eklaboris pri la versa parto; Antonio Valén same volonte okupiĝis pri la proza. La rezulto aperis libro-forme sub la titolo *José Luis Sampedro en mil y una lenguas* (José Luis Sampedro en mil kaj unu lingvoj), unu el kies ekzempleroj troveblas en la HEF-biblioteko. Kaj mi entuziasme anoncas ke ĝuste miaj esperantigoj de la poemoj kortuŝe hom-amaj, liber-kantaj kaj reakci-kondamnaj *Lerno-kanto* kaj *Kredo*, tiukadre verkitaj de la admirinda Sampedro, aperos en la nun pretigata esperanta antologio de hispanlingva liriko *Poezio: armilo ŝargita per futuro*. La libron mi planas prezenti kadre de la 86a SAT-Kongreso, okazonta en Madrido de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2013.

Neniu okazo pli taŭga por diskonigi al la esperantistaro niajn priajn tradukojn ol ĉi jubilea *Boletín*-numero. Kia honoro kaj kia plezuro! Unue, jen la laboro farita de mia kompano kaj amiko Antonio Valén. Temas pri la elhispanigo de la rakonto *Navegando entre libros*, originale verkita de José Luis Sampedro:

*NAVIGADO INTER LIBROJ*

*Ĉu vi jam velŝipis laŭlonge de la marbordo, pelate de milda brizo susura trans la veloj, kaj rigardante de proksime la iom-post-ioman aperon kaj malaperon de la bordaj detaloj? Jen vi vidas plaĝon kun cirklo el ĉe-montaj dometoj blankaj kaj ruĝaj, kaj jen vi ĉirkaŭnavigas promontoron kaj la mondo tuj ŝanĝiĝas: nun alta klifo apikas sur maro ŝaŭme furioza... Kaj iom poste estas haveno, gruoj tuŝantaj la ĉielon, enormaj ŝipoj en ŝarĝado... La vivo fluas antaŭ ni.*

*Nu, tiun saman sperton, sed ja pli riĉan kaj surprizo-plenan, mi travivas en la grandaj librejoj. Tuj post la eniro min ĉirkaŭas muroj tegitaj per bretoj libro-plenaj kaj, kvankam tiuj ne moviĝas, mia lanta navigado postlasas la universojn de matematiko kaj zoologio, dum la bretoj de fremdlingvaj romanoj sin proponas al mi malavare kaj varie: kelkajn verkojn mi konas, aliaj tiel promesplenas kaj allogas ke mi ŝatus momenton elŝipiĝi –fakte preterpase mi karesas volumon, hazarde malfermas ĝin, preskaŭ kaptiĝas– sed tiom longas mia vojaĝo, tiom multas la horizontoj ke mi plu iras! Nun mi zorge navigas, devas ĉirkaŭiri insulojn, kiuj staras sur mia maro: tabloj kovritaj per libroj kun logaj titolpaĝoj, aŭtor-fotoj, altiraj dezajnoj... Mi ne povas eviti, mi enmetas*

*libron en mian boaton kaj plu vojas, ĉar jen videblas vojaĝlibroj, ekzotaj fotoj, rivelaj mapoj; mi do prenas alian pri bela veturado tra Afganio kun neĝo-kovritaj montoj fone, karavanoj tradezerte kaj la plej fajnaj silkoj sur aspraj kamel-dorsoj: Mi tuj prenas, tuj prenas! Kaj tiel mi povos vojaĝi en landon, kien mi neniam povus iri sen ĉi libro, ĉar bando da sovaĝuloj jam detruis ties belaĵojn...*

*Tia navigado tra la librejo sur mia malkovro-karavelo kaj tia facila konkero de aliaj mondoj kaj vivoj neniel konotaj sen la libroj, jen estas la forto, la magio, la vivo-sava sperto de la legado. Same infanaĝe, kiam Salgari kondukis min inter la karibajn piratojn, kiel hodiaŭ, kiam mi povas ekrigardi la mitokondriojn kaj ties diskutatan misteron en la ĉeloj, la legado plenigis kaj plenigos miajn dezirojn –se mi ne perdos la vidkapablon aŭ la prudenton–, estigos novajn kaj malkovros al mi kion mi ne suspektas, tiel donante sennombrajn perspektivojn al mia limigita vivo korpa.*

*Kompatindas la homoj, kiuj senigas sin de tiaj navigadoj nepraj, riĉigaj, neanstataŭigeblaj! Ni malfermu iliajn okulojn al la legado!*

Nun ni trasentu la vibrojn el la poezia voĉo de José Luis Sampedro, per mia esperantigo de lia paro da poemoj *Canción de aprendizaje* (Lerno-kanto) kaj *Credo* (Kredo), kiujn li verkis por la menciita omaĝlibro:

José Luis Sampedro en mil y una lenguas

Las mil y una lenguas, ¿Una Torre de Babel? Todo lo contrario. En este volumen las lenguas no dividen, se unen para homenajear en la Semana Complutense de las Letras a José Luis Sampedro. Para homenajear a la palabra, la cultura en todas las lenguas, el trabajo universitario y la sabiduría.

Un tributo al don de la palabra, ese porcentaje mínimo que, según los genetistas, nos distingue de los chimpancés.

Es también el reconocimiento a la labor de traducción, casi siempre olvidada e infravalorada.

Los traductores de estos textos demuestran suplir con imaginación y entrega los recortes, ajustes y decisiones políticas que atentan contra la cultura.

OLGA LUCAS







José Luis Sampedro en mil y una lenguas

UCM

# José Luis Sampedro en mil y una lenguas

José Manuel Lucía Megías y
Begoña Regueiro Salgado (coords.)



Universidad Complutense de Madrid

***LERNO-KANTO***

*Vin Odiseo gvidu*
*vojaĝe tra la vivo, kamarado;*
*vi ŝtopu la orelojn kontraŭ ĉia sireno,*
*vin ligu al la dura barko-masto.*
*Kaj, obeante vian kaŝ-kompason*
*kursu al aventur' nerezignenda:*
*vojaĝ' al via memo.,*



Miguel Fernández

**KREDO**

*Mi kredas je la Vivo, Patrino ĉiopova,*
*kreinta la ĉielon kaj la Teron.*
*Kredas je l' Hom', Ter-fil' antaŭen-ira,*
*konceptita en arda evoluo*
*kaj progresanta malgraŭ la Pilatoj*
*kaj elpensantoj de tiranaj dogmoj,*
*kiuj Vivon subpremas, entombigas.*

*Sed ja la Vivo ĉiam resurektas,*
*kaj la Homo pluvojas al morgaŭo.*
*Mi kredas je la pluraj horizontoj*
*de la spirit', mond-energio kosma.*
*Kredas je la Homaro ĉiam-sora.*
*Kredas je l' Vivo porĉiama*

*Amen.*

Geamikoj, sanon kaj poezion




Leviĝanta mano terurigas
Malgrandetan fiŝ-boaton
Kaj fiŝisto ja persistas,
Senforta, senespera,
Sed kun fid' pri tuja kalmo

Ĉi libro estis prezentita dum la andaluza kongreso en la urbo Granado kaj ĝi akireblas ĉe UEA: http://katalogo.uea.org?inf=1650 kaj se vi preferas, rekte al AEU: angelarquillos@gmail.com

---

# PROVIZORA PROGRAMO PRI LA 72-A HISPANA KONGRESO

**PLI PRI LA 72-A HISPANA KONGRESO**

Kiel anoncite, la 72-an HEK (Hispana Esperanto-Kongreso) okazos en Zaragozo, de la 3-a ĝis la 5-a de majo de 2013. La mot(iv)o elektita estas: "Esperanto: Lingvo kaj sento".

La kongresejo estos la hotelo Goya (adreso: Calle 5 de marzo, 5) en tre centra loko (proksime de: Plaza de España). Konvenas memori ke la aliĝkotizo ne inkluzivas la loĝadon kaj manĝadon. Pri tio devas okupiĝi ĉiu kongresano.
Ankoraŭ ne estas fiksita la programo sed por ĝenerala konatigo ni povas indiki la jenan skizon:

**PROVIZORA PROGRAMO**

**VENDREDE** (3-a de majo)
NeSolena malfermo de la Kongreso
Omaĝo al Fernando de Diego
Prelego de Antonio Marco: "La tradukinto de l' Kiĥoto"

Donacado de ekzemplero al ĉiu kongresano
Vizito al Aljaferia
Muzika prelego de Eduardo Berdor: “La valsoj de Chopin, romantika ĉefverko”
Solotronik: Elektronika flamenko (en esperanto)

**SABATE** (4-a de majo)
Solena malfermo de la Kongreso
Prelego de Miguel Fernández:
“Poezio: armilo ŝargita per futuro. Esperanta antologio de hispana poezio kontestema, engaĝiĝinta, socia kaj revolucia”
Prezentado de ludkartaro de Abel Montagut: Serio "Talismano" ĉirkaŭ Zaragozo
Oficiala bankedo
Prelego/ateliero de Jorge Camacho: “Esperanto kaj poezio”
Prelego de Antonio Valén (ankoraŭ ne konfirmita): “Kalmo kaj malkalmo en Kálmán Kalocsay”
Muzika presentado de JoMo

**DIMANĈE** (5-a de majo)
Prelego de Antonio Marco: “La poezi-difino”
Asembleo de HEF
Oficiala Fermo

Noto: Hotelo Maza estas proksime de hotelo Goya (kongresejo de 72-a HEK) kun prezoj pli malmultekostaj.
Adreso: Plaza España, 7. Tfno.: 976 22 93 55.

---

# Kandidatoj por 73-a kongreso

La estraro de HEF faras alvokon por peti kandidatiĝon por la 73-a Hispana Kongreso de Esperanto, en 2014. Alvenis al ni kelkaj sugestoj kaj sinproponoj, ankoraŭ ne formalaj, kaj ni pensis ke antaŭpretigo kaj antaŭanonco tre konvenus por glata propagando kaj organizado de la okazaĵo.

Ni do petas ĉiujn interesitajn membrojn de HEF kaj grupojn en Hispanio, prezenti sian kandidatiĝon por la organizado de la venontjara kongreso. Ni sugestas ke vi sendu vian anoncon al ni antaŭ la 17-a de marto, kiam ni komencos studi la proponojn. La finan decidon oni prenos dum la 72-a Hispana Kongreso en Zaragozo. Ju pli kompleta la propono, des pliajn ŝancojn ĝi havos. Ne hezitu do jam esplori lokojn, datojn, kaj eĉ proponon pri programeroj.

---

## ALIĜILO

72-a HISPANA ESPERANTO-KONGRESO
ZARAGOZO, de 3-a al 5-a de majo 2013

*Plenumu tiun ĉi aliĝilon, kaj komuniku ĝin al la asocio FRATECO en Zaragozo. Oni povas sendi ĝin (aŭ simple la datenojn) per e-mesaĝo al fratecoesperanto@yahoo.es aŭ al fizika adreso de la asocio: Asociación de esperanto FRATECO. Calle Cadena, 20, 1º izda. 50001-Zaragoza (Hispanio)*

PERSONA NOMO ......................................FAMILIA(J) NOMO
(J)..........................................................
ADRESO ..........................................................................................................................
....
URBO..................................................(......................................)
LANDO.......................................
RETADRESO..............................................................................................................
TELEFONNUMERO(J) ...........................................................................
MEMBRO DE HEF Jes Ne NASKIĜDATO ........................ (nedevige, nur por statistiko aŭ rabato)
ALIAJ RABATOJ...................................
DATO DE PAGO.............................. MANIERO DE PAGO...............................................
KOTIZO....................................................................
ALIAJ.......................................................................
DONACO..................................................................
SUMO.......................................................................

*Pagu la kotizon en jena bankokonto indikante la tekston "Kongreso" kaj vian nomon en la bankokonto de la Asociación Aragonesa de Esperanto "FRATECO": Ibercaja: 2085 0108 15 01 023865 80 (se vi estas en Hispanio)*
*Por pagi eksterlande bv. uzi jenan kodon: IBAN: ES46 2085 0108 15 01 02386580 // SWIFT: CAZRES2Z*
*(1) La efektiva dato estos tiu de ricevo de pago.*
*(2) Sama rabato estas aplikebla al lernantoj de Esperanto ĉeestantaj kursojn organizitajn de grupoj aligitaj al HEF, komenciĝintajn inter septembro 2012 kaj aprilo 2013.*

| KOTIZOJ | Aliĝo ĝis la 31-a de januaro (1) | De la 1-a de februaro ĝis la 31-a de marto | Post la 31-a de marto kaj surloka aliĝo |
|---|---|---|---|
| Membroj de HEF aŭ Frateco | 35 | 45 | 55 |
| Ne membroj de HEF | 45 | 55 | 65 |
| Juna membro de HEF (malpli ol 30) (2) | 25 | 35 | 45 |
| Junulo nemembranta en HEF (malpli ol 30) | 30 | 40 | 50 |

# NOBELPREMIO PRI PACO




Kiam la 12-an de oktobro 2012 Eŭropa Unio ricevis la Nobelpremion pri Paco, konkurante kun aliaj 231 kandidatoj, estis multaj kiuj surpriziĝis, kaj eĉ kritikis malfavore tiun Premion, pensante ke la Eŭropa Unio ne meritas ĝin.

Medalo de Alfred Nobel

Vere ni konas Eŭropan Union kiel aron de 27 membroj kiuj havas komunajn politikojn, sed nun, pro la terura krizo ekzistanta, granda parto el la eŭropa popolo konsideras ke la celo de tiu Organizo estas ĉefe ekonomia, kaj ne estas vera solidareco inter la membroŝtatoj.

Tamen la Nobel-komitato asertis ke ili premias la Eŭropan Union "*ĉar ĝi helpis transformi Eŭropon de kontinento de milito al kontinento de paco, elstarigante inter ĝiaj sukcesoj la pliigon de la paco, la demokration kaj la homajn rajtojn".*
Certe tiu agnosko al Nobelpremio estas atentigo al la mondo pri la historia kaj aktuala rolo kiun Eŭropa Unio havis ekde la komenco, defendi la pacon en kontinento terure suferanta dum du Mondmilitoj.

Eŭropa Unio naskiĝis per la laboro de iamaj revuloj pri la unueco de Eŭropo, ĉefe du el ili, Robert Schuman, kaj Jean Monnet, konsiderataj la veraj "patroj de Eŭropo", kiuj revis, post la Dua Mondmilito, krei Komunumon, kiu havu du ĉefajn celojn: unuigi la karbon kaj ŝtalan minejojn, situantaj inter Francio kaj Germanio, kaj samtempe, profitante tion, repacigi tiujn du landojn, kiuj dum 70jara periodo batalis en tri militoj.

Pro tio ni parolas pri la graveco de la paco je la Eŭropa Unio.

Naskiĝinta el la ruinoj de la Dua Mondmilito, ses originaj landoj (Okcidenta Germania Respubliko, Belgio, Francio, Italio, Luksemburgio kaj Nederlando) kreis en Parizo, en 1951, la *Eŭropan Komunumon pri Karbo kaj Ŝtalo*. Poste, en 1957, tiuj samaj ses landoj kreis la *Eŭropan Ekonomian Komunumon* (konata ankaŭ kiel Komuna Merkato) kaj *Eŭratomon,* tiu lasta por la uzo de la nuklea energio por pacaj celoj.

Post la falo de la Berlina Muro en 1989, Eŭropa Unio favorigis la reŭnuiĝon de Germanio kaj daŭre gvidadis la vojon al paco en Eŭropo, per la aliĝo de novaj membroŝtatoj el centra kaj orienta Eŭropo, eĉ sudaj landoj kiel Bulgario kaj Rumanio.

La Eŭropo de la 21-a jarcento devas daŭre alfronti sekurecajn problemojn, kaj por tio la Unio kunlaboras, per ĝiaj eksteraj rilatoj kaj najbareca politiko kun Nordafrikaj,

Balkanaj, Kaŭkazaj landoj, Mezoriento kaj Israelo, kaj por la defendo kunlaboras forte kun NATO per vera komuna eŭropa sekureca kaj defenda politiko (KESDP.

Eŭropa Unio sendas al la konfliktaj areoj *Pacajn Misiojn.* Post la malsukceso atingi pacon en la eksa Jugoslavio kaj konsiderante la sangajn konfliktojn en Afriko, Eŭropa Unio kreis en 1999 komunan eŭropan sekurecan kaj defendan politikon. La unuaj militistaj misioj estis senditaj en 2003 al la Balkanoj kaj al Demokratia Respubliko Kongo.

La Komuna Sekureca kaj Defenda Politiko, funkcianta laŭ la Traktato de Lisbono, ebligas la sendon de militaj misioj aŭ policaj grupoj al konfliktaj zonoj, por plibonigi la sorton de la tieaj loĝantoj, labori por forigi tiujn krizojn eĉ restarigi la pacon se eble. Pere de Eŭropolo, ĝi laboras kontraŭ la organizita krimo kaj terorismo.

Ni devas ankaŭ konsideri la helpon al evoluo kaj la homaranan helpon. Ekde la komenco, la Eŭropa Komunumo en 1957, per ĝiaj eksteraj rilatoj helpis la evoluon de diversaj popoloj, per diversaj traktatoj, kiam Francio kaj Britio, volis daŭrigi iliajn rilatojn kun siaj kolonioj pere de la Eŭropa komunumo (EK). En la 60-aj jaroj la afrikaj kolonioj sendependiĝis sed restis en privilegia situacio, kaj la landoj de Afriko, Karibio kaj Pacifiko decidis alpreni komunan kunlaboron kun la EK kaj subskribis en 1975 la unuan Traktaton de Lomé kiu kunligis 46 AKP-landojn al la EK. Oni praktikis sukcese industriajn kaj komercajn rilatojn por agrikulturo kaj mineraloj. Tiuj Traktatoj atingis la naŭdekajn jarojn kaj poste daŭrigis la konstantan dialogon inter EU kaj diversaj landoj, kun novaj metodoj pri partenereco.

Tiu evoluo atingis la helpon al la malriĉeco, per aliro al nutraĵoj kaj ĉefe al trinkebla akvo, sano, edukado, laboro kaj protektado de la Medio, laŭ la Jarmilaj Evoluigaj Celoj.

Kune kun la helpo al tiu menciita celo, EU konsideras tre grava afero la homaranan helpon. En ĉiu krizo, en ĉiu milito, ĉu en Afriko ĉu en Mezoriento, Eŭropa Unio daŭrigas ĝian homaranan taskon.

Tiu helpo kanaliziĝas helpante per bazaj ekipaĵoj, al viktimoj de ĉiuaspekta katastrofo, ĉefe en Afriko. Tiu helpo efektiviĝis en multaj landoj kaj nun oni daŭrigas rigardante ankaŭ la tiel nomataj "forgesitajn krizojn". Bedaŭrinde, estas pli kaj pli rifuĝantoj, kaj pro tio Eŭropa Unio kunlaboras firme kun Ne Registaraj Organizoj kaj specialiĝintaj organismoj de Unuiĝintaj Nacioj, kiel ACNUR kaj Ruĝa Kruco por sendi nutraĵojn, trinkeblan akvon, kloaksistemojn, tendojn, medicinajn instalaĵojn kaj provizorajn komunikadsistemojn.

Antaŭ la konstanta granda nivelo de naturaj katastrofoj kiel la pasinta tertremo kun cunamo en Japanio, teruraj sekecoj en Afriko kaj armitaj konfliktoj, Eŭropa Unio, per ĝia homarana respondo, kreskigis la nombron de speciligitaj funkciuloj pri la rapida evaluo de urĝaj bezonoj. Eŭropa Unio helpas la demokration.



La Eŭropa Komunumo ne naskiĝis plene demokratia. Tamen ĉiam postulis de la kandidatoj al aliĝo esti demokratia lando. Baldaŭ, en 1979 okazis la unuaj balotoj al Eŭropa Parlamento per universala voĉdonado, ĉar ĝis tiam estis la diversaj registaroj de la membroŝtatoj kiuj sendis eŭroparlamentanojn.

Poste iom post iom la ideo pri demokratio kreskis kaj la Eŭropa Kortumo komencis defendi la homajn rajtojn, afero kiu antaŭe ne estis ĝia kompetento.

La Unio, ĉefe per la Traktato de Lisbono, fariĝas eĉ pli demokratia kaj travidebla organizo, kaj samtempe donas al la eŭropaj civitanoj kaj naciaj parlamentoj pli da informojn kaj pli da iniciatojn.

La menciita Traktato de Lisbono starigas klare la celojn de la Eŭropa Unio, nome la pacon, demokration, plenumon de la homaj rajtoj, kaj la aliĝoj de novaj kandidatoj al la Unio, ĉefe Kroatio, Montenegro, Serbio kaj aliaj kandidatoj, signifas la repacigon en la Balkanoj, postulante ĉiam demokratiajn instituciojn.

Sed la Unio devontigas sin defendi la homajn rajtojn kaj fundamentajn liberecojn, la solidarecon inter membroŝtatoj, la kulturan, lingvan kaj religian diversecon, por ke ĉio ĉi estu veraj eŭropaj valoroj, ene de la riĉa heredaĵo komuna en Eŭropo. La moto de la Eŭropa Unio, *Unuiĝintaj en diverseco,* montras tion, kaj tenas, ene de globala mondo, la kulturan diversecon, kaj tradiciojn de la membroŝtatoj.

En la jaro 2000, en Nico, la membroŝtatoj subskribis la *Ĉarton pri Fundamentaj Rajtoj*, kiu ekde la Traktato de Lisbono estas jure deviga, pro tio la defendo de la homaj rajtoj estas nun esenca kondiĉo por aliĝi al Eŭropa Unio.

La sendo de balotaj observantoj al ĉiu loko de nia planedo por certigi la justajn balotadojn, partoprenas la agadojn de la Unio por la defendo de la homaj rajtoj.

La *civitaneco de la Unio* permesas al la civitanoj de la membroŝtatoj de la Unio senti sin plej defendataj interne kaj ekster la limoj de la Unio. Tamen, bedaŭrinde la eŭropaj civitanoj ne sentas sin ankoraŭ veraj civitanoj de la Unio, ĉefe en la nuntempaj krizaj momentoj, kiam ŝajnas ke ĉiu membroŝtato pledas nur pro la propraj interesoj. Ni esperu ke la solidareco venkos.

La Komitato de la Nobelpremio sendis tre gravan mesaĝon al la mondo, nome, ke Eŭropa Unio estas io grava kion oni devas zorgi pro la bono de la eŭropanoj kaj de la mondo

M.Rafaela Urueña

(Prof pri Internacia Juro kaj membro de la Katedro "Jean Monnet"
Membro de "Instituto pri Eŭropaj Studoj" de la Universitato de Valladolid)

**Hispana Esperanto-Federacio**
Rodríguez San Pedro 13 3º-7 ES-28015 Madrid · Tel (+34) 914 468 079
www.esperanto.es · retpoŝto: admin@ esperanto.es
Fiska identiga numero (CIF): G47026356

Membriĝo aŭ renovigo por la jaro
**2013**

**Personaj informoj**

Bonvolu skribi majuskle.

| | | |
|---|---|---|
| Persona nomo: | | Nur por renovigoj |
| Familia(j) nomo(j): | | Membra numero: |
| Poŝta adreso: | | |
| Poŝtkodo: | Urbo: | Identiga numero: |
| Telefonnumero(j) | | |
| Retadreso: | | Naskiĝdato: |

**Membrokategorio**

Ĉiuj membroj ricevas la asocian bultenon ("Boletín"), 4 numerojn jare.

Marku per X la elektitan kategorion:

| Kategorioj | | Euro | X |
|---|---|---|---|
| OM | Ordinara membro | 32,00 | |
| KM | Kolektiva membro | 64,00 | |
| PM | Protektanta membro | 64,00 | |

**Pagmaniero:**

- ☐ Pagado (kompletigu la malsupran formularon; en la hispana).
- ☐ Pago per la bankokonto de HEF 0182-1252-31-0204011961 de banko BBVA (havigu atestilon).
- ☐ Pago per la konto hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (havigu atestilon).
- ☐ Pago kontanta en la asocia oficejo.

Dato: Subskribo:

Laŭ la hispana Leĝo pri datumprotektado (Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal), Hispana Esperanto-Federacio informas vin ke viaj datumoj estos aldonitaj al bita datumbazo, propra de HEF, kiun nia asocio utiligos nur por internaj celoj aŭ kun rilato al Esperanto. Per la subskribo de tiu ĉi dokumento, vi permesas tiun ĉi utiligadon. HEF ne donos viajn datumojn al eksteraj organizajoj, krom pro leĝaj kialoj. Vi povas aliri la informojn, kaj modifi aŭ forigi ilin, per mesaĝo al FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, le informamos que sus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consiente expresamente este uso de sus datos. Le informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Públicas, y que puede ejercer sus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

| | |
|---|---|
| Titular de la cuenta: | |
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

| C.C.C.: | entidad | sucursal | D.C. | cuenta |
|---|---|---|---|---|
| | | | | |

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Firma del titular: